# Mocart kaj Saljeri

DRAMAJ SCENOJ

DE

A. S. PUŜKIN






EL RUSA LINGVO TRADUKIS

Vs. LOJKO

DUA ELDONO

PARIS

PRESA ESPERANTISTA SOCIETO

33, RUE LACÉPÈDE

1907

Prezo : 25 cent. = 10 kopek.




# Mocart kaj Saljeri

DRAMAJ SCENOJ

DE

A. S. PUŜKIN



EL RUSA LINGVO TRADUKIS

Vs. LOJKO

DUA ELDONO

PARIS
PRESA ESPERANTISTA SOCIETO
33, RUE LACÉPÈDE, 33

1907

*Al plej kara kaj plej sankta por mi memoro de mia patro,*

*Ivan Markovič Lojko,*

*mi dedičas tiun či tradukon.*

*Vs. LOJKO*

*Aŭg.-Sept. 1905.*



# MOCART KAJ SALJERI

DE

A. S. PUŜKIN

## SCENO UNUA

(Ĉambro.)

SALJERI

Parolas ĉiuj : vero ne ekzistas
Sur tero, sed ĝi ne ekzistas — ankaŭ
Pli supre. Tio, kiel simpla gamo,
Por mi tre klara estas. Mi naskiĝis
Kun am' je arto : kiam alte sonis
Infan' estante, mi min forgesadis
Dum aŭskultado — kun nevolaj larmoj.
Forlasis frue mi amuzojn vanajn ;
Sciencoj, fremdaj al muziko, tedis
Min ; rifuziĝis mi de ili tiam
Obstine kaj fiere kaj al sola
Muziko min aldonis. Malfacila
Orgeno en preĝej' antikva nia,
Unua estas paŝ' kaj voj' komenca.
Mi venkis fruajn malfeliĉojn. Faris
Metion mi al arto — subpiedo,
Fariĝis metiisto mi : al fingroj
Aldonis mi obean kaj senflaman
Lertecon, regulecon al orelo.
Kaj sonojn mortiginte, mi dismetis
Muzikon, kiel korpon. Kaj revidis

Mi per algebro harmonion. Tiam,
Tentita en sciencoj, kuraĝiĝis
Mi al dorlot' de revo de kreanto
Jam min aldoni : krei mi komencis,
Sed en mallaŭto, sed sekrete, revi
Pri glor' ankoraŭ ne kuraĝiĝante.
Kaj ofte, pasiginte du-tri tagojn
En loĝejet' silenta, forgesinte
Kaj dormon, kaj nutraĵon ; ravon, larmojn
Ĝuinte de inspiro, bruligadis
Kreaĵon mian mi kaj rigardadis
Malvarme, kiel mia pens' kaj sonoj,
De mi naskitaj, kun malpeza fumo
Malaperadis !... Kion do mi diras ?
Ĉu, kiam granda Gljuk al ni aperis
Kaj novajn montris li nekonataĵojn
(Nekonataĵojn ravajn kaj profundajn !) —
Ĉu mi ne ĵetis ĉion, kion sciis,
Varmege amis kaj al kio kredis,
Kaj ĉu ne iris tiam post li vigle,
Senplende, kiel hom' eraradinta
Kaj en alian flankon forsendita
De renkontinto ? Per plifortigita,
Streĉita konstanteco mi atingis
En art' senlima, fine, altan gradon.
Al mi glor' ekridetis ; mi en koroj
De homoj trovis por kreaĵoj miaj
Kunsonojn. Estis mi feliĉa : pace
Ĝuadis mi per mia glor', sukceso,
Laboro ; ankaŭ per labor', sukceso
De mia amikaro, de kolegoj
En art' mirinda. Ne ! neniam konis
Envion mi ! Neniam, ho ! — Eĉ kiam
Piĉĉini povis ravi parizanojn.

Eĉ kiam mi unuan fojon aŭdis
Komencajn sonojn de Ifigenio.
Fieran min — Saljeri — kiu nomos
Malestiminda enviul' iama,
Serpento, kiun homoj tredis*), vive
Senforte sablon, polvon mordetanta !
Neniu !... Nun do mi mem tion diros —
Mi estas enviulo ! Mi envias ;
Profunde, kun sufer' envias. — Kie
Justeco estas, ho Ĉielo, kiam
Talento sankta kaj geni' senmorta —
Sendita estas ne por rekompenco
Al am' brulanta, memrifuziĝeco,
Al preĝoj, al laboroj, al fervoro,
Sed de malprudentulo, disboĉulo
Lumigas kapon vanan ?... Mocart, Mocart !

(Eniras Mocart.)

MOCART

Aha ! Vi min ekvidis ! Mi do volis
Per ŝerc' neatendita vin regali.

SALJERI

Vi estas tie ĉi ! Ĉu jam delonge ?

MOCART

Tuj. Iris mi al vi por montri ion, —
Restoracion ĵus preterpasante,
Subite mi ekaŭdis violonon...
Amik', Saljeri, mia, vi nenion

---

*) V. « Česky Esp. », 1904, n-ro 6, p. 84.
*Tredi* = fouler = treten = to tread = toptatj = šlapati = bati, albati per piedoj al malsupro, al tero.

De mem naskiĝo pli ridindan aŭdis !...
Violonisto en restoracio,
Blindulo, — ludis li *voi che sapete.*
Mirinde ! Mi ne povis min deteni,
Violoniston alkondukis por vin
Per lia art' regali. Vi eniru !

(Eniras blinda maljunulo kun violono.)

El Mocart ludu ion !

(Maljunulo ludas arion el Don-Ĵuan ; Mocart ridegas.)

SALJERI

Kaj vi ridas ?

MOCART

Saljeri ! Ĉu vi povas mem ne ridi ?

SALJERI

Ne, mi ne ridas, se kolorigisto
De granda Rafael Madonon ŝmiras ;
Ne povas ridi mi, se arlekeno
Sentaŭga malhonoras Aligjeri
Per parodio. Iru, maljunulo !

MOCART

Atendu do ; jen prenu : por mi trinku.

(Maljunulo foriras.)

Saljeri, estas nun vi en malbona
Humor'. Al vi mi venos alitempe.

SALJERI

Al mi vi kion portis ?

MOCART

Bagatelon.
Pasintan nokton sendormeco mia

Turmentis min, kaj venis du-tri pensoj
En kapon. Mi hodiaŭ ilin notis
Kaj volis aŭdi vian opinion ;
Sed nun ĉe vi ne estas por mi tempo.

SALJERI

Ha, Mocart, Mocart ! Kiam do vi venis
Al mi ne ĝustatempe ? Mi aŭskultas ;
Sidiĝu.

MOCART (antaŭ fortepiano.)

Nun al vi prezentu... kiun ?
Nu, eble min — sed iom nur pli junan ;
Enamiĝintan — kaj ne tro, sed iom ;
Kun belulino aŭ amiko — kun vi ;
Mi estas gaja... kaj subite ĉerka
Fantomo aŭ mallum' aŭ io venas...
Aŭskultu do... (Li ludas.)

SALJERI

Kun tio ĉi vi iris
Kaj povis halti ĉe restoracio,
Aŭskulti violonon de blindulo ! —
Ho, Mocart, vi ne indas tute mem vin.
Ho, Dio !

MOCART

Kio do, ĉu estas bone ?

SALJERI

Ho, kia profundeco, kuraĝeco !
Kaj kia gracieco ! Mocart, estas
Vi — dio kaj mem tion ĉi ne scias ;
Mi scias, mi !

MOCART

Ba ! certe ? povas esti...
Sed tio mia malsatiĝis.

SALJERI

Mocart,
Aŭskultu : iru ni tagmanĝi kune
Restoracion de « Leono Ora ».

MOCART

Se volas tion vi ; mi estas ĝoja.
Sed vi permesu nur, mi iros hejmen
Por diri al edzin', ke ŝi por manĝo
Min ne atendu. (Li foriras.)

SALJERI

Mi vin atendados. —
Ne ! Mi ne povas plu kontraŭstaradi
Al sorto mia : estas elektita
Mi por haltigi lin — se ne, pereis
Ni ĉiuj, pastr-servantoj de muziko,
Ne sola mi kun mia surda gloro...
Se Mocart vivos, kaj ankoraŭ novan
Altecon li atingos, kia estas
Utilo ? Ĉu altigos arton li ? Ne !
Ĝi falos ree, se li malaperos :
Al ni li ne restigos heredulon.
En li utilo kia estas ? Kvazaŭ
Kerubo ia, kelkajn paradizajn
Al ni li portis kantojn por eksciti
Deziron senflugilan en teridoj
Kaj poste flugi for ! Ho, flugu for do !
Kaj ju pli baldaŭ, des pli bone estos !

Jen — lasta dono de Izoro mia,
Veneno, kiun mi dum dekok jaroj
Kun mi portadas — ofte vivo ŝajnis
Al mi de tiam vund' neelportebla,
Kaj oftajn fojojn ĉe trapez' komuna
Mi sidis kun senzorga malamiko,
Kaj mi neniam al murmur' de tento
Min turnis, ne estante timemulo,
Kaj kvankam mi ofendon povas senti,
Kaj kvankam mi malmulte vivon amas.
Mi malrapidis. Kiam min turmentis
Soif' de morto — tiam mi pensadis :
— Por kio morti ? Eble vivo portos
Al mi subitajn donojn ; povas esti,
Vizitos ravo min, kreema nokto
Kaj inspireco ; eble, nova Hajden
Grandaĵon kreos — kaj mi tion ĝuos...
Kaj dum festen' kun gasto malamata —
Mi pensis, — povas esti, ke mi trovos
Plej malamatan malamikon ; eble,
Plej malagrabla ofendego falos
En min de alt' fiera — tiam vane
Vi ne perdiĝos, de Izor' donaco.
Kaj prava estis mi ! Kaj fine trovis
Mi mian malamikon ; nova Hajden
Ĝuigis min mirinde per ravego !
Nun — estas temp' ! Donac' de amo, iru
Vi en kalikon nun de amikeco !

---

# SCENO DUA

(Aparta ĉambro en restoracio ; fortepiano.)

MOCART kaj SALJERI (antaŭ tablo.)

SALJERI

Hodiaŭ kial estas vi malgaja ?

MOCART

Mi ? Ne !

SALJERI

Humoro via, certe, Mocart,
Per io estas nun malagordita ?
Tagmanĝo estas bona, vino — ankaŭ,
Sed vi silentas kun vizaĝo nuba.

MOCART

Konfesos mi, ke mia *Requiem* min
Maltrankviligas.

SALJERI

*Requiem* vi verkas ?
Ha ! Ĉu delonge ?

MOCART

Jes, delonge, ĉirkaŭ
Semajnoj tri. Sed strange okaziĝis...
Al vi mi ne rakontis ?

SALJERI

Ne.

MOCART

Aŭskultu :
Al mi okazis antaŭ tri semajnoj
Malfrue veni hejmen. Oni diris
Al mi, ke iu venis min viziti.
Kaj, kial — mi ne scias, tutan nokton
Mi pensis : kiu estis kaj por kio ?
Morgaŭan tagon sama homo venis
Kaj ree min ne trovis. Trian tagon
Sur planko ludis mi kun mia knabo.
Min oni vokis ; mi eliris. Homo,
Vestita nigre, kun salut' ĝentila, —
Li mendis *Requiem* kaj malaperis.
Mi tuj sidiĝis kaj komencis verki —
Kaj jen de tiam mia nigra homo
Al mi plu ne venadis ; mi do ĝojas :
Domaĝus mi disiĝi de laboro,
Eĉ kvankam tute *Requiem* pretigis
Mi. Sed mi dume...

SALJERI

Kio ?

MOCART

Sed mi hontas...

SALJERI

Konfesi kion hontas vi ?

MOCART

Ne donas
Al mi dum tagoj, noktoj, trankvilecon
Hom' nigra mia. Li min persekutas

En ĉiuj lokoj, kiel mia ombro.
Al mi jen ŝajnas ankaŭ nun, ke sidas
Kun ni li — tria.

SALJERI

Lasu for ! Infana
Ĝi estas timo ! Distru vian penson
Malseriozan. Bomarŝe diradis
Al mi : « Aŭskultu, frat' Saljeri, kiam
Mallumaj pensoj vin vizitos, tiam
Malŝtopu vi botelon de ĉampano,
Aŭ do « Edziĝ' de Figaro » relegu ».

MOCART

Jes ! Bomarŝe amiko via estis ;
Por li « Tararo'n », bonan muzikaĵon,
Vi verkis. Tie estas melodio
Aparta... Mi ĝin ripetadas, kiam
Feliĉa estas mi... La-la-la-la-la...
Ha, diru, ĉu, Saljeri, vere estas,
Ke Bomarŝe venenis iun ?

SALJERI

Dube :
Li estis tro ridinda por metio
Simila.

MOCART

Ankaŭ estis geniulo
Li, same kiel vi kaj mi. Genio
Kaj krimo estas do du kontraŭaĵoj.
Ĉu vere ?

SALJERI

Opinias vi ?
(Li jetas venenon en glason de Mocart.)
Nu trinku.

MOCART

Amiko, trinkas mi por via sano
Kaj por sincera ligo, kunliganta
Min Mocart kun Saljeri, ambaŭ filojn
De harmonio. (Li trinkas.)

SALJERI

Haltu, haltu, haltu !...
Eltrinkis vi !... sen mi ?

MOCART (jetas telertuketon sur tablo.)

Mi jam satiĝis,
Sufiĉe. (Li iras al fortepiano.)
Mian *Requiem* aŭskultu,
Saljeri, nun. (Li ludas.)
Vi ploras ?

SALJERI

Tiujn larmojn
Mi verŝas je unua foj' : doloron
Kaj agrablecon nun mi sentas, kvazaŭ
Mi faris malfacilan devon, kvazaŭ
Tranĉil' saniga membron suferintan
De mia korp' forhakis ! Tiuj larmoj,
Amiko Mocart... Ilin ne rimarku.
Daŭrigu kaj plenigu pli rapide
Animon mian per sonaĵoj novaj...

MOCART

Se ĉiuj povus tiel senti forton
De harmoni' ! Sed ne : ne povus tiam
Eĉ ekzistadi mond' ; neniu zorgus
Pri bezonaĵoj de malalta vivo —
Al art' libera ĉiuj sin aldonus !
Malmultaj estas ni, elektituloj,
Feliĉaj homoj, tute malzorgantaj
Pri malŝatinda profitaĵo, pastroj
De sola bel'. Ĉu tio estas vera ?
Sed nun hodiaŭ estas mi malsana,
Mi sentas malfacile min, foriros
Mi dormi. Nu, adiaŭ.

SALJERI

Ĝis revido.

(Restinte sola.)

Ekdormos vi por longa tempo, Mocart !...
Sed ĉu li efektive estas prava,
Kaj mi ne estas ĝeniul' ? Genio
Kaj krimo estas kontraŭaĵoj. Tio
Malvero estas : jen Buonarotti ?...
Aŭ ĉu fabel' malsaĝa de amaso
Sensenca estas ĝi nur — kaj kreinto
De Vatikan' ne estis mortiginto ?

